# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 4/01/2013 Naŭdek dua Eldono 2012 5/01/2013 SENDITA

---

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

---

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

---

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

---

# NOVAĴOJ





## ALKLAKU la hiperligilojn



AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

---

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj

Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com

# *Fabeloj Ilustritaj* Cindrulino

http://w.kunlaboro.pro.br/esperanto/fabeloj/

## Sydney Language Festival 2013



La NSK federacio havas agadplanojn por venonta jaro. Ni organizos lingvan festivalon en majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, Amike, Nicole vidu:
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/



Jen la konata kristnaska karolo "Sankta nokt'" kantata de Akordo:
**Boris Kolker** sendis Max Wearing
Paca nokt' – Akordo



Jen la konata kristnaska karolo Paca nokt'. La bildoj prezentas du kripojn, tio estas prezento pri la naskiĝo de Jesuo pere de statuetoj. Unu el la kripoj troviĝas en la bazaro Espero (Plaza de la Esperanza) kaj ĝi estis muntita de Javier Gutiérrez Morlote kaj lia edzino Gloria Saiz de Omeñaca, alia kripo situas en la preĝejo La Anunciacio (Iglesia de la Anunciación), ili ambaŭ en Santander, Hispanio.

# KLUBNOVAĴO





**Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj**



## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 8a dec 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



# La Melburna Esperanto Klubo

La Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde.

" **Melburno Esperanto-Klubanonco.**

Kiel kutime, la Melburna Esperanto-Klubo ne renkontiĝas post la Zamenhofa Festo ĝis la 14a januaro 2013.

Ni petas Melburnajn Esperantistojn ĉeesti tiun kunvenon por helpi kun la Bonvena Kongreso!
Dankon, Heather Heldzingen"

---

## Zamenhofa Festo Melburno 2012 36 Esperantistoj

La Prezidanto de la Esperanto Federacio de Viktorio, John Adams, bonvenigis 36 Esperantistojn al la Zamenhofa Festo, sabaton la 15an de decembro 2012. Ni festis ĉe "La Notte" restoracio en Carlton en gaja atmosfero por plenumi harmonian jaron



La vespero komenciĝis per la bela muziko ate de Suzanne kaj Trevor Holton kiu ludis "La Notte" kiu estis verkita de Vivaldi.
La festparolado estis prezentita de Bob Felby el Adelajdo kaj ni ankaŭ bonvenigis Max Wearing kiu ankaŭ veturis al Melburno por la festo.

Marumi Smith faris interesan prelegon pri Oomoto kaj kiel kutime, Henry Broadbent preparis enigmon, sed bedaŭrinde ĝi estis tro lerta por ni ĉiuj.

Alida Leereveld atingis la grandan aĝon de 90 jaroj kaj ni honoris ŝin kun bildprezentado pri ŝia vivo en Esperantujo. Ni finis la vesperon kun kantado kun



muziko de Alan Bishop kaj gesinjoroj Holton.

La Festo estis la plej sukcesa dum pluraj jaroj, kun malnovaj kaj novaj Esperantistoj kaj vizitantoj de ekster Viktorio.

Heather Heldzingen"

<u>Esperanto Kafo Klubo de Kanbero</u> kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo Ĉiuj bonvenaj.

Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Manlio kunvenos la 5an de Januaro



# Esperanto-Domo Sidnejo

BBQ lastaj dimanĉoj de la monato
(Kunvenos 27 januaro 2013)
Ĉiuj bonvenaj



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

La Torkio grupo konsistas de lokaj loĝantoj kaj vizitantoj de Melburno.
Ni celas esti amikaj kaj agrablaj, kaj plibonigi nian esperantan kapablon.
Ni babilas pri kaj per Esperanto - kaj ni trinkas kafon!
**tel 03 5261 2899 M 0421043272**
https://sites.google.com/site/torquayesperantoweb/

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Melburna Kongreso: vidu AE91 heather@melburno.org.au

Goodwill Congress– 17 to 21 January 2013

1a januaro, 2013 Kara AEA membro,

La nova estraro sendas al vi

Sincerajn bondezirojn

okaze de la komenco de 2013.

Kiam ni komencis nian "devon" la unuan de oktobro kaj kion ni atingis ĝis nun?
Unue ni devas memorigi vin ke la estraro ne povas atingi multon sen vi. Ni ĉiuj estas voluntuloj kiuj deziras la plej bonan por Esperanto.
Nia plej grava celo estis kaj ankoraŭ estas rekrei pozitivan etoson ene de AEA. Ni klopodis kaj ankoraŭ klopodas reveki la deziron inter nia malkreskanta membraro kunlabori kaj kontribui ideojn kaj projektojn.
Kion ni faris dum la lastaj tri monatoj?
* Ni decidis okazigi "bonvolan" kongreson. La ĉefa celo de tiu kongreso estas krei pli amikecan etoson ene de AEA. Serioze konsideru partopreni. Ni ankaŭ kunsendas la provizoran programon.
* Ni multe diskutis kion fari pri nia arĥivo en "Fort Knox" en Melburno. Ni intencas trarigardi ĝin, forĵeti kelkajn aĵojn, diĝitigi kelkajn objektojn kaj transporti la restaĵojn al Esperanto-Domo en Sidnejo.
* Ni (do Jim Radford kaj lia teamo) komencis krei novan AEA-retejon. Ni esperas ke ni povas prezenti la unuan version dum nia evento en Melburno.
* La nombro de AEA-membroj estis 82 en oktobro, nun ĝi estas 97.
Kion ni proponas ke vi faru en 2013?
- Unue, kaj samtempe plej grave: Ĉiam memoru

En Aŭstralio ni estas tiel malgranda grupo … ni devas kunlabori por evoluigi nian aferon … la celo de kunlaboro estas doni al ĉiu ŝancon kontribui en senbariera kaj senantaŭjuĝa diskuto … ni lernu nin esprimi senkaŝe, trankvile, sen pasio kaj rankoro … kaj se kontraŭvorto "brulas" sur via lango, ĝi brulu! … se ni harmonie kunlaboros, plej probable ni faros ĝustajn decidojn.

Do ne eblas, ke ni ĉiuj interkonsentu pri ĉiu afero, sed necesas foje cedi al la plimulto – ĉar ankaŭ la aliaj celas la bonon de Esperanto.

- Skribu kontribuaĵon al la novaĵletero de Roger
- Venu al niaj eventoj
- Helpu kun la enkonduko de Esperanto en niaj lernejoj
- Trovu homojn kaj instruu al ili nian lingvon
- Organizu lingvan festivalon
- Faru ekzamenon por plibonigi vian Esperanton
- Legu Esperantajn librojn
- Estu mentoro por foraj esperantistoj

Feliĉan 2013
*Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor*

# La Adelajda Esperanto-klubo-

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato (krom januaro) en Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.
Zamenhof-tago en decembro (11 esperantistoj).

ADELAJDA ESPEREJO

**Legogrupo** . En la Ŝtata biblioteko kunvenadas ĉiun ĵaŭdon
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375

---

# ADELAJDA ESPERANTO-KLUBO JARRAPORTO 2012



Indrani Beharry-Lall - kasisto , Katja Steele- sekretario.

**1.Membraro:** Dum la jaro diversgrade aktivis proksimume 30 esperantistoj. La 24-an de junio ni por ĉiam perdis Audrey Felby. Nova aktivulo de Adelajdo estas Paul Desailly, kiu ekloĝis ĉi tie ĉijare, same Rikardo kaj Amato. Bob Felby iĝis en junio 80-jara, Sandor septembre 60-jariĝis.

**2. Tamen Plu** . Bob Felby finpretigis la 31-an jarkolekton de nia informbulteno kaj transdonis la redaktadon al Cathy Taggart. E-muzeo en Vieno kaj CDELI en Svislando ricevas la jarkolektojn de TP.

**3. Arĥivo**. La arĥivon-kronikon de 2012 faris ankaŭ ĉijare Katja Steele.

**4.Legogrupo** . En la Ŝtata biblioteko kunvenadas ĉiun ĵaŭdon 9 homoj (Trevor Steele, Bob Felby, Libby Mortimer, Pat Palmer, Charles Stevenson, Eileen Jones, Max Wearing, foj-foje Beth Wearing, Cathy, 1-foje venis ankaŭ Peter Bird. En 2012 oni legis *Tria Kolekto da Krimnoveloj* de Ron Gates kaj *Vizaĝoj; Novelaro 2000-2009.*

**5. Klubaj kunvenoj.** Okazis entute 9 klubaj kunvenoj kun averaĝe 9 partoprenatoj.

**6.Apartaj programoj** estis:
- Vizito de ekspozicio pri bahaismo (7 partoprenantoj) en februaro.
- Informtablo pri Esperanto dum la Kajto-festivalo en Semaphore aprile (4 homoj).
- Teatra vespero ĉe Pat Palmer maje (18 personoj).
- Vintrokursaro en Sheidow park-lernejo junie (19 ĉeestantoj).
- La unua Adelajda lingvo-festivalo en Thebarton Senior College junie .
- Literatura vespero ĉe Charles Stevenson junie (8 personoj).
- Kviza posttagmezo ĉe Steeleoj aŭguste (13 homoj).
- Kantvespero ĉe Indrani oktobre (10 partoprenantoj).
- Boatekskurso en Adelajdhaveno novembre (11 ĉeestantoj).
- Zamenhof-tago en decembro (11 esperantistoj).

Kvar adelajdanoj ĉeestis en Brisbano (de la 29-a de septembro ĝis la 1-a de oktobro) la AEA-kongreson. Sandor Horvath iĝis la prezidanto de la tutlanda E-organizo.

La Universalan kongreson de Esperanto en Hanojo partoprenis 5 adelajdanoj.

**7. Instruado.** Max Wearing gvidas kurson en sia loĝejo (5 homoj), Paul Desailly instruas al 7 homoj, Sandor Horvath al 3-4, Trevor Steele al 2 en Mount Barker.

**8. Informado.**
**-** Al neesperantistoj – precipe dum la lingva festivalo (la lernejo, kie ĝi okazis, havas proksimume mil studentojn), sed ankaŭ en la okazoj kiel la granda naskiĝtagfesto de Sandor Horvath aŭ la lanĉo de la libro de Pat Palmer. Trevor Steele eldonis ĉijare 2 el siaj libroj en la angla, - per ili li samtempe informas pri sia E-verkado. Li menciis Esperanton ankaŭ dum la prezento de sia libro en la biblioteko en Mitcham.
- Al esperantistoj: 1 mencio kaj foto en *La Ondo de Esperanto*, *Tamen Plu* iras al la arĥivoj de CDELI kaj Vieno; iom en la novaĵletero de Roger Springer.

**9. Financoj:** Niaj rimedoj atingis $ 2000. Eta iniciato estis kolektado de uzitaj poŝtmarkoj, kiun ni vendas al kolektantoj.

**10. Biblioteko**: Nian bibliotekon prizorgas Charles Stevenson.



**11. Libroservo**: Katja Steele funkciigas libroservon enhavantan novajn librojn kaj ankaŭ brokantaĵojn.

K.Steele
Havu belajn festotagojn kaj feliĉan novan jaron, amike, Katja

# La kluba listo kreskas





## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? . rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?

# Subtenu *lernu!*



Subtenu ESF-on – la organizon, kiu jam pli ol dek jarojn subtenas tiun ĉi paĝaron.
Kadre de la kampanjo 100 mil EUR por ESF ni volas kolekti 5 mil eŭrojn por la nova kurso de la nova lernu!, kiu lanĉiĝos frue en 2013. Ni kalkulas je via subteno!

**LA ESPERO** Esperanta himno Bona por kunvenoj



# Feliĉan Novjaron al ni







Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni forgesas?

## LETEROJ mallongaj de la legantoj



Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Karegaj,

Bonvole notu, je la 7-a Januaro (venonta lundo) estos la Nasktago de nia mirinda **Kay Andersen,** Se vi volas sendi belan nasktago-karton, memoru ke Kay amas katojn!

Bondezirojn,

Erhardo (Erhard & Ness Claus)









### PARDONPETO PRO TAJP-ERARO



Ĉar Esperanto-orfo, Ian McArthur, pruvis, ke li estas mirinde precizema lingvo-lernanto, mi devas pardonpeti pro tajp-eraro mia en *AE90,* por kiu mi kopiis lian "virgan" E-prelegon en la Ŝtat-biblioteko de Adelajdo. Dum preskaŭ jarcento, pro klasikaĵoj aŭstraliaj, kiaj "La Sentimentala Viro" verkita de C. J. Dennis en 1915 kaj surekranigita de Raymond Langford en 1919, multaj aŭstraliaj infanoj miris dum la jaroj pri la literum-maniero de "Woolloomooloo", la nomo de antaŭurbo en Sidnejo kie loĝis Ian kiam li estis knabeto. "Woolloomooloo" entenas ne nur sep "o"jn, kiel mistajpis mi antaŭ du semajnoj, sed fakte OK!

Hieraŭ Ian refoje partoprenis E-kunvenon en la biblioteko antaŭ ol reiri kun sia edzino kaj filino al

Tasmanio. Trevor Steele (same kiel Vera Payne) havis bonan impreson pri lia lingvo-lernkapablo, kaj proponis, ke baldaŭ li sin preparu por E-ekzameno.
Max Wearing.

Alia tajp-eraro en AE91  La korektita retadreso de Marcel estas marcel@melburno.org.au.

Karaj,

Estas bone, ke la elsendoj de radio 3zzz estas aŭskulteblaj "iam ajn" en la arkivo ĉe http://melburno.org.au/3ZZZradio/

Bedaŭrinde ŝajne tio ne plu validas. Sep el la elsendoj de la pasintaj 2 monatoj ne estas aŭskulteblaj en la arkivo. Mi kontaktis Franciska ĉe radio 3zzz por atentigi pri la problemo, sed neniu kialo estis donita al mi pro la ne apero de la elsendoj en la arkivo. Ĉu temas nur pri portempa problemo, ĉu ili neniam estos aŭskulteblaj en la arkivo?

En la elsendo de la 31a de decembro ankoraŭ aŭskultebla rekte el la retejo http://www.3zzz.com.au/ vi povas aŭskulti interesan paroladon de Marcel Leereveld pri kiel konduti en esperantujo. Ĉefe temas pri lingva konduto, sed ne nur.

Amike, Nicole

# LETEROJ IOM LONGAJ

Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena









**Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio.**
**Helpu nian familanojn koni unu la alian. Skribu**

